# HAMBURG Esperanto



n-ro 2/91
Majo-Julio
1991

Esperanto, Klaus-Groth-Straße 95,
W-2000 Hamburg 26, Tel. 0 40 / 2 50 30 65

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.
kaj Hamburga Esperanto-Junularo
(Landa Ligo de Germana Esperanto-Junularo).

Radaktoro: Benno Klehr, Oelkersallee 31,
W-2000 Hamburg 50, Tel.: 0 40 / 43 51 97
Konto de HES: Poŝtĝiro Hamburg
(BLZ 200 100 20) n-ro 173 22 - 207

Esperanto

WEITER-
BILDUNG
HAMBURG

**2a Inform-Borso por pluklerigado**
**19a - 21a de Aprilo 1991**

Alle warten auf Europa.
Wir sind schon da.

HAMBURG Esperanto

# El la redakcio

## Enhavo



## Editoraĵoj


Eldonanto: Hamburga Esperanto-Societo
Ĉefredaktoro: Benno Klehr
Grafika Aranĝo: Gerd Tigges
Produktado de originaloj: TIGGYSOFT


## Ne miskonduto sed tradicio

Kelkfoje mi aúdis, ke oni trinkus tro multe en la HES-klubejo. Bedaúrinde la enspezoj el la vendado tamen apenaú sufiĉas por vivteni nian domon. Cetere estas tradicio en Hamburg kaj kvazaú komisio, kiel diras la ŝtata himno en la tria strofo:

***La glaso iru laú la rondo***
***kaj gaje sonu al la mondo:***
***Prosperon donu Dio vi***
***al la gepatra urb' de ni!***
**Gloron al vi, Hammonia!**

*Benno Klehr*

## Ni pri ni

Estas sufiĉe malfacile, redakti novan bultenon sen informoj pri tiuj grupoj, kiuj aperu en propraj rubrikoj. Do, oni ne miru, se jen kaj jen ni ne publikigas tiom eksplicite kiel kutime.

Por la estonteco ni deziras, ke ni povu ricevi kontribuaĵojn pli frue kaj pli ampleksajn. Ni petas niajn kunlaborantojn priatenti la redaktofinon en la programpaĝoj. **Ĉi-foje estas la 13a de Julio.** Al ni jam sufiĉas la teknikaj problemoj, kiujn ni havis ĝis nun: la malnova temo, supersignoj. Ni uzas IBM-sisteman komputoron kun programo por "surtabla redaktado". Ĝis antaú tri tagoj ni *nur* havis malnovan version de tiu programo, sed nun la plej nova versio ekzistas kaj estas nia propraĵo. Tiu nova versio finfine ebligas enmeti la supersignojn en la tajpitan tekston; antaúe ni devis mane poziciigi ilin. Kelkajn novajn funkciojn la nova versio ankaú ofertas: turni tekstojn vertikalen, ligi tekston kaj bildon, aútomate ĝisdatigi kombinitajn datumarojn. Krome sur la ekrano nun pli precize videblas la pozicioj de la diversaj elementoj.

Kial ni decidis labori per IBM-sistemo kaj ne per Atari? La respondo estas tiom facila kiel komprenebla. Kvankam por Atari la supersignoj ne estas problemo, multaj aliaj problemsolvoj ne estus estintaj atingeblaj. Krome ni havas fonton, el kiu ni povas ĉerpi Esperantlingvan softvaron – ekzemple (speciale faritan) bibliotekan programon. Nia partnero TIGGYSOFT laboras per la IBM-sistemo, do ni transprenis ĝin.

Ni produktas per lasera presilo bonkvalitajn originalojn, kiujn ni poste multobligas per aútomata fotokopiilo en presejo.



# El nia klubo

## Nia biblioteko

Jam de longe la klubo disponas pri granda nombro de libroj. Intertempe la biblioteko kreskis al proksimume 4.000 libroj. La lastan fojon ĝi multiĝis pro la transpreno de la privata biblioteko de nia multjara klubanino Anneliese Bepperling post ŝia morto. Multaj duoblaj ekzempleroj estis venditaj autaŭ ne longe je reduktitaj prezoj al interesitoj. La klubo gajnis konsiderindan monsumon. Por bone ordigita aranĝo zorgis Burkhard Mohrig per konstruado de la necesaj bretaroj. Delia Pick administras la bibliotekon per speciala komputora programo.

La biblioteko disponas pri novaj kaj malnovaj lerno-libroj, vortaroj, scienca kaj distra literaturo, bild-rakontoj kaj porinfanaj libroj.

La klubanoj rajtas pruntepreni laŭ propra elekto. Kaptu tiun okazon por klerigado en nia lingvo internacia.

*Wolfgang Löbel*




Por la 2a Inform-Borso por klerigado, de 19a ĝis 21a de Aprilo 1991 en ekspoziciejoj (Messehallen), diversaj klubanoj preparis la Esperantan standon. Je tiu okazo la Instituto de Esperanto Hamburg eldonis diversajn novajn broŝurojn pri Esperanto kaj Esperanta vivo en Hamburg. Ankaŭ la bulteno Esperanto Hamburg aperas jam antaŭ la kutima dato, ĝustatempe por la nun okazanta Inform-Borso.
La vizitantoj povas informi sin ankaŭ pere de komputora prezentado. La programon kaj broŝurojn ellaboris niaj softvaraj partneroj TIGGYSOFT.

***Niaj malsukcesoj estas pli instruaj ol niaj sukcesoj.***

*Henry Ford*

## Jarĉefkunveno

La 28an de februaro 1991 okazis, kiel laŭorde anoncita, la jarĉefkunveno.
Partoprenis 27 voĉdonrajtaj geklubanoj. Ne estis balotjaro, sed pro tio ke tri estraranoj demisiis, la estraro sin kompletigis laŭ statuto.
2a prezidanto: s-ino *Elsbeth Wielgus*
sekretario: s-ro *Wolfgang Löbel*
2a revizoro: s-ino *Irmgard Karst*
La kunveno finiĝis sen eksterordinaraj eventoj.

*Wolfgang Löbel*

## Ekzameno

Fine de Aŭgusto 1991 ni planas ebligi ekzamenon pri lingva kapableco en la klubejo de Hamburga Esperanto-Societo. Interesitoj, ankaŭ el aliaj urboj, povas turni sin al la estraro de HES.

## Keglado

**La venontaj datoj:**
10.05.91 ★ 07.06.91 ★ 05.07.91
Informoj ĉe Elsbeth Wielgus.

Hamburga Esperanto-Societo r. a.

# El nia klubo



Invito al Hamburg

# Invito al Hamburg

Invito al Hamburg

La 9an de Majo 1991 okazos nia tradicia **Ĉe-Ellen-Ir-Tago** en la domo de Hamburga Esperanto Societo. Ni renkontiĝos je la **15:00 h por komuna kaftrinkado.** Gastoj el aliaj urboj estas kore envititaj partopreni la **tagmanĝon je 13:00 h**, sed ni petas anonciĝi por tio ĝis la 4a de Majo (sabato) ĉe Elsbeth Wielgus, Tel. 0 40 / 25 29 36. Dum la posttagmezo ni planas kvizon, kiu espereble povos okazi en la ĝardeno.

***Ni petas niajn membrojn – kiel kutime – kunporti kukojn!***

Invito al Hamburg

Invito al Hamburg

# Paroliga Rondo

Für alle, die sich nach oder neben dem Kurs im Esperanto-Sprechen üben wollen, und für die, die nach längerer Pause wieder einsteigen (!) möchten, richten wir eine *Paroliga Rondo* ein. Schwerpunkt soll das Üben in Zweiergruppen bilden, entsprechend den individuellen Interessen und Fähigkeiten der "Studienpaare". Außerdem sind gemeinsame Aktivitäten der gesamten Gruppe geplant. Ein Projekt haben wir bereits im Auge.

Beginnen wird die Runde am Dienstag, dem 23.04.91, um 18:30 h im Klub. Sie sollte dann regelmäßig jeden Dienstag - außer dem zweiten Dienstag im Monat - von 18:30 h bis 21:30 h stattfinden.

Interessierte Fortgeschrittene mögen sich bitte bald bei Irmgard Karst oder Bodo Schneider melden.

Telefon: 0 40 / 58 71 82.

Anfänger können dienstags mit Elena Blasius ihre Kenntnisse vertiefen.

Por ĉiuj, kiuj post aŭ apud la kurso volas praktiki Esperantoparoladon, kaj por tiuj, kiuj post longa paŭzo volas reaktiviĝi, ni kreis novan *Paroligan Rondon*. Ĉefa temo estu la praktikado en duopoj, laŭ la individuaj interesoj kaj kapabloj de la "studparoj". Krome komunaj aktivecoj de la tuta grupo estas planitaj. Ni jam celas projekton.

La Rondo komenciĝos mardon, la 23an de Aprilo 1991 je 18:30 h en la klubejo. Ĝi okazu ek de tiam regule ĉiun mardon - escepte de la dua mardo en la monato - de 18:30 h ĝis 21:30 h.

Interesitaj progresintoj bovolu baldaŭ kontaktu al Irmgard Karst aŭ Bodo Schneider, Telefono: 0 40 / 58 71 82.

Komencantoj marde povas pli profundigi siajn sciojn kun Elena Blasius.

# Opinio

## Scientology – ĉu danĝero al la Esperanto-movado?

**Hamburg** - La gazetoj en Hamburg plenas je novaĵoj pri la t. n. Scientology-Church, kiu i. a. verbas por *Dianetik*. Eĉ la Liberala Demokratia Partio (F.D.P.) en Hamburg antaŭ nelonge aperis en la gazetaj artikoloj pro rilatoj de iuj altrangaj partianoj al tiu sekto. Dum la unua semajno de Aprilo en du signifaj periodaĵoj (Die Zeit, Der Spiegel) aperis plurpaĝaj artikoloj, kiuj sufiĉe negative prezentas la *Scientologojn* kaj ties kutimojn procedi.

La komisiito pri sektoj de la evangelia eklezio en Hamburg ricevis informojn, ke la *Scientologoj* planus infiltriĝi en la Esperanto-movadon.

Fakte ne estas imageble, ke le movado kun sia *interna ideo* povus akcepti la postulojn de Scientologoj, ke "superaj homoj" gvidu kaj kontrolu la homojn kaj ke oni "neniigu" kontraŭulojn. Tiuj **faŝismecaj** trajtoj de la Scientologio tute ne konvenas al la Esperanto-movado.

Tamen unuopaj membroj ne malzorgu pri la *Scientologoj*. Per la frazo: "Vi povas pli ol vi imagas" ili varbas novajn membrojn. (Kiu ne iam sentis, ke li ne havas la eblecon, vivi laŭ ĉiuj siaj talentoj?) Sed tiu sekto fakte ne interesiĝas pri individuaj homoj.

**Laŭ ilia ideologio devas regi la "superaj homoj" – la simpla popolo nur devas pagi!**

El pluraj landoj oni aŭdas, ke ili persekutas malfidelulojn kaj misfamigas kontraŭulojn. La Hamburga senato strebas juĝe malkonfirmi ilian staton de religia asocio, ĉar iliaj celoj plejparte estas komercaj.

*Benno Klehr*

## Instituto de Esperanto Hamburg

Klaus-Groth-Straße 95, W-2000 Hamburg 26



## Was ist das IdEH?

Das Instituto de Esperanto Hamburg hat die Aufgabe, Esperanto in Norddeutschland durch Veranstaltungen verschiedener Art zu fördern. Neben Organisation von Esperanto-Kursen und allgemeiner Öffentlichkeitsarbeit veranstaltet oder vermittelt es auch Vorträge und Seminare, die internationale Beziehungen oder Sprachenprobleme zum Thema haben. Träger des Institutos ist der Esperanto-Verein Hamburg e. V. im Landesverband Hamburg des Deutschen Esperanto-Bundes.

Schon 1904 wurde die "Erste Hamburg-Altonaer Esperantisten-Gruppe" gegründet; der Deutsche Esperanto-Bund 1906.

## Kio estas la IdEH?

La Instituto de Esperanto Hamburg havas la taskon progresigi Esperanton en norda Germanio per okazaĵoj de diversaj specoj. Krom la organizado de Esperanto-Kursoj kaj ĝenerala publika inform-laboro ĝi ankaŭ okazigas aŭ peras prelegojn kaj seminariojn, kiuj temas pri internaciaj rilatoj aŭ lingvaj problemoj. Baza organizo de la Instituto estas Hamburga Esperanto-Societo r. a. en la Langa Ligo Hamburg de Germana Esperanto-Asocio.

Jam en 1904 estis fondita la "Unua Hamburga-Altonaa Esperantista Grupo"; Germana Esperanto-Asocio en 1906.

*Benno Klehr*



Klubejo malfermita ĵaŭde ek de 19:00 h, programo ek de 20:00 h / Klubhaus donnerstags ab 19:00 Uhr geöffnet, ab 20:00 Uhr Programm

# Nia Programo

## Majo 1991

| | |
|---|---|
| 2 | Klubejo fermita pro interna laboro! |
| 4 | *Studrondo (14:00 h)* |
| 9 | **Ĉe-Ellen-Ir-Tago en la klubejo 15:00 h Pliaj informoj sur paĝo 4** |
| 16 | Publika kunsido de la Landa Ligo Hamburg de GEA |
| 18 | *Studrondo (14:00 h)* |
| 23 | Delia Pick raportas pri vojaĝo al Urugvajo kaj Paragvajo |
| | 25. Infantago! Vidu ankaŭ paĝon 9! |
| 30 | Werner Bormann raportas pri la Germana Esperanto-Kongreso |

## Junio 1991

| | |
|---|---|
| 1 | *Studrondo (14:00 h)* |
| 6 | Literatura vespero Delia Pick: Vagado sub palmoj de Ribillard |
| 13 | Karl-Heinz Hoffmann: Svisa radio |
| 15 | *Studrondo (14:00 h)* |
| 20 | Lingvaj ludoj |
| 27 | La partoprenantoj de la studrondo prezentas skeĉojn |
| 29 | *Studrondo (14:00 h)* |

## Julio 1991

| | |
|---|---|
| 1 | ***Ferioj en Hamburg*** |
| 4 | Literatura Vespero de Katharina Zähler |
| 11 | Klubejo malfermita Sen speciala programo |
| 13 | *Studrondo (14:00 h)* **Redaktofino bulteno 03/91** |
| 18 | Klubejo malfermita Sen speciala programo |
| 25 | Klubejo malfermita Sen speciala programo |
| 27 | *Studrondo (14:00 h)* |

# El aliaj landoj

## Esperanto-praktikoj bezonataj

En la Komerca Mezlernejo en Bydgoszcz, dank' al subteno de la direktoro Zygmunt Grzesiak kaj de la instuistino Miroslawa Korniluk, ĉiujare pli ol ducent gejunuloj lernas Esperanton. En 1987 la LKK de la Universala Kongreso en Varsovio ofertis semajnan Esperanto-praktikon por 40 geknaboj el tiu lernejo: ili vendadis en la kongresejo sandviĉojn kaj trinkaĵojn, kaj la kongresanoj ege kontentis, ke ili ne devas aligatori aŭ kajmani ĉe l' bufedoj. Nun kelkaj gejunuloj el la sama lernejo prizorgas manĝadon en la Esperanto-kafejo en Bydgoszcz, kiu funkcias en la internacie konata "Esperantotur"-Hotelo. Tamen la geknaboj demandas: ĉu Esperanton eblas praktiki nur en Pollando?

Similan demandon ni starigas, do, al la internacia Esperantistaro, al organizantoj de Esperantaj kongresoj kaj konferencoj. Ĉu vi povus aranĝi Esperanto-praktikojn por gejunuloj, kiuj lernas Esperanton? Se jes – laŭ kiuj kondiĉoj? Interŝanĝe – ankaŭ en Pollando eblas organizi Esperanto-praktikojn.

Korespondado en Esperanto, personaj kontaktoj, eĉ la organizita Esperanto-turismo ne plu sufiĉas al multaj personoj. Necesas nun pli vaste kaj konsekvence utiligi Esperanton ankaŭ por profesiaj celoj – nur tiel eblas konvinki homojn, ke Esperanto estas lingvo same valora kiel ĉiuj aliaj.

Por konkretaj kunlabor-proponoj kontaktu:

**"Esperantotur"**
**ul. M. Sklodowskiej-Curie 10**
**PL-85-094 Bydgoszcz, Pollando.**

## Medicina konferenco

De la 19a ĝis la 25a de Julio, en Kaunas (Litovio) okazos la 8a Internatia Medicinista Esperanto-Konferenco; la temo: *Sano kaj medio.*

Informoj: **Alfredas Maruŝka, p/k 50, SU-235250 Pasvalys, Litovio.**

## Cent jaroj Baghy / Kalocsay

Okaze de la centa datreveno de la naskiĝo de lu du grandaj hungaraj Esperanto-poetoj, *Julio Baghy* kaj *Kalomano Kalocsay*, HEA kaj LF-Koop organizas en Budapeŝto, de 30a de Junio ĝis la 6a de Julio, 10an *Internacian Forumon* kun la ĉeftemo: *"Kalocsay kaj Baghy, ĉu (nur) poeto-fratoj?"*. Informoj:

**HEA, pf. 193, H-1368 Budapest V aŭ LF-Koop, CP 114, CH-1008 Prilly, Svislando.**

## Du internaciaj staĝoj

Du internaciaj Esperanto-aranĝoj okazos somerfine en la suda Francio: De 24a ĝis 31a de Aŭgusto en la montaro, *Esperanto-staĝo* en Haber-Poche; De 7a ĝis 14a de Septembro 1991, *Internacia Feria Semajno* en Sète ĉe la Mediteraneo. Informoj:

**D-rino Y. Vierne, 5 rue Dr. Roux, F-34000 Montpellier, Francio.**

## Pentroamatoroj

De 28a de Majo ĝis 2a de Junio *esperantistaj pentroamatoroj* renkontiĝas en la Esperanto-hotelo en Bydgoszcz por kune kun fakuloj priparoli pentradon kaj distriĝi nature kaj kulture.

**Adreso maldekstre!**

# Diversaj temoj

## Landa Ligo Hamburg de GEA

**>>> Nova dato <<<**

Invito al publika kunsido
de la Landa Ligo Hamburg de GEA,
**la 16an de Majo 1991, je la 20:00 h**
en la domo de la Hamburga Esperanto-Societo.

*D-ro Werner Bormann, prezidanto*

## Esperanto en Radio

La 2an de Majo 1991, je la 20:00 h, okazos ripeto de nia dua elsondo *Verda Stelo* pri la temo "Kio estas Esperanto?" (en germana lingvo) en *Offener Kanal* (UKW 96,0 MHz), kiun verkis **Irmgard Karst** kaj **Bodo Schneider**; speciala gasto: **Elsbeth Bormann**. Oni ripetos tiun elsondon la sekvontan tagon, la 3an de Majo, je la 13:00 h (La originala elsendo estis sendita la 21an de Februaro 1991).

*Irmgard Karst / Bodo Schneider*

## Infantago/Kindertag

La *Krampa Teatro* denove prezentos la siluetan teatraĵon *La Virineto de Maro*, laŭ la fabelo de H. Chr. Andersen.
Ĉifoje en Germana lingvo.
Ni invitas niajn membrojn kaj iliajn konatojn kun infanoj veni al la klubejo la 23an de Majo (sabato) je la 14:00 h.

---

Das *Krampa Teatro* lädt alle Mitglieder und Bekannten sowie alle Kinder herzlich zum Schattentheater am 23. Mai um 14:00 h ein.
Das Stück: Die kleine Meerjungfrau von H. Chr. Andersen. Die Aufführung ist in deutsch.

## Solvo de la pasinta krucvort-enigmo

### Rimarko de la redakcio

En tiu ĉi numero de *Esperanto Hamburg* ni ne aperigas novan enigmon, ĉar mankas al ni la loko, sed ni jam hodiaŭ promesas, ke en la venonta eldono ni rekompensos vin per speciala enigmo, kiun vi ĝis nun ne trovis (en *Esperanto Hamburg*).

**Ni dankas al vi pro via komprenemo!**

| | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| E | K | Z | E | R | C | A | D | O | A | K |
| K | L | I | N | K | O | G | E | N | R | O |
| R | A | P | O | A | S | A | M | D | I | S |
| A | V | O | N | T | A | R | I | O | A | M |
| N | O | K | T | A | N | A | S | I | D | O |
| E | T | N | O | L | O | G | I | O | N | P |
| B | U | E | N | O | S | A | I | R | E | S |
| I | N | D | I | G | T | R | A | K | T | I |
| E | R | I | K | O | R | O | M | A | N | K |
| N | O | D | O | G | A | L | A | N | T | O |



# El la universitato

## Esperantokurso

La Esperantokurso por gestudentoj ĉe la Hamburga universitato dum la nuna somera semestro estas komenciĝinta la 19-an de aprilo 1991. La estro de la Lingvistika Fakaro denove disponigas prelegejon en la "filozofoturo" por la ĉiuvendreda duhora kurso ĝis la 12-a de julio.
Ĉu ekzistas aliaj Germanaj universitatoj, krom Hamburgo, en kiuj Esperanto estas instruata? Certe, jes. Laŭ la 7a kaj 8-a ĝisdatigitaj eldonoj de la bruŝuro "OFICIALA SITUACIO DE LA ESPERANTO-INSTRUADO EN LA MONDO" (kompilita de *Germain Pirlot* en 1988 kaj 1990), por la iama GDR oni estas registrinta Esperantokursojn ĉe tri universitatoj (*Berlin, Halle-Neustadt* kaj *Jena*), kvar teknikaj universitatoj (*Dresden, Ilmenau, Karl-Marx-Stadt* kaj *Magdeburg*); la iama FRG raportas pri kursoj ĉe kvin universitatoj (*Hamburg, Münster, Paderborn, Saarbrücken* kaj *Tübingen*), unu teknika universitato (*Berlin*) kaj unu teknika altlernejo (*Karlsruhe*). En la nuna unuiĝinta Germanujo, do, entute 15 universitatoj kaj superaj institutoj ofertas – laŭ la Pirlota broŝuro – Esperantokursojn al gestudentoj.

*R. Sachs*




**Moto:**
**Ne por manĝi ni vivas –**
**sed por vivi ni manĝas!**

La 23an de Februaro nian studrondon partoprenis kiel gastoj Karin Lenki kaj Stan Borremans de la najbara E-klubo "NORDA ERIKEJO". Ambaŭ estas tre aktivaj Esperantistoj. Inter aliaj temoj pri "La semajno de internacia amikeco" ili aranĝis Eŭropo-Kvizon. Je la ĝojo de ĉiuj, ankaŭ la grupo kun malmultaj poentoj gajnis donacojn en formo de libroj ktp. Tiel ankaŭ tiu rondo pasis interesa kaj kontentiga.

*Wolfgang Löbel*

# La kreo de la virino

## Felietono Studrondo

**(laú hinda legendo – tradukita de Josef Kühnel)**

Multe meditadis Brama,
la iama mond-kreint',
sed cerbumis, pensis vane,
pri la kreo de l' virin'.

Ĉar post kreo de la viro
mankis nun material':
La solidaj elementoj
eluziĝis. – Jen fatal'!

Kiel novan verkon krei
kiam mankas ĉia aĵ'? –
Sed profunde meditinte
li pluagis kun kuraĝ'.

Prenis li da flor-veluro,
da rigard' de kapreol',
flaman ardon de la fajro
kaj de l' neĝ da spiro-blov'.

Prenis vergan gracilecon
kaj flirtemon de la vent',
diamantan malmolecon,
da dolĉec' de fruktpigment'.

Prenis li paser-lanugon,
de folioj da brilec',
kaj kveradon de la turtoj
kaj da tigra kurelec'.

Prenis de l' maten-gazono
li da larmoj de la ros',
fierecon de la pavo,
da timemo de lepor'.

Prenis krom tremad' fragmita
li la ŝvelon de la lun'
kaj krom da plaúdad' garola
scintiladon de la sun'.

Prenis grimpoplantajn volvojn
kaj – kun korpo de serpent'
kreis Brama la virinon,
Li, la ĉef' de l' firmament'.

Al la viro la virinon
donis Brama laú bonsens' –
Sed monat' jam ne forpasis
kaj de l' viro venis plend'.

Diris li: "Sinjor' l' estaĵo
transdonita je favor'
mizerigas min konstante
per reĝimo de teror'.

Ŝi babilas tage, nokte,
rabas dormon, tempon for,
ŝi postulas nur malĝustan,
ĝenas kaj turmentas nur.

Ŝi venenas mian vivon.
Frakasiĝis la feliĉ'.
Vi, doninto de l' virino,
Brama, ho, reprenu ŝin!"

Agis Brama laú la peto.
Sed semajnon poste jam
viro kun rapidaj paŝoj
iris al la tron' de Bram'.

"Majstro", diris li hezite,
"gracu do al mia plend'!
Ekde foras la virino
vivo estas nur malplen'.

Tutatempe mi imagas,
kiel dancas, kantas ŝi,
min kortuŝe rigardante;
ŝian korpon ŝatas mi.

Ŝiaj suplaj mildaj membroj –
amoplenaj, kaj vizaĝ'.
Brama, donu la virinon,
Ree viv', aero, plaĉ'!"

Brama ja komplezis al li.
Sed tri tagojn poste nur
reen venis palavanga
plorpetante nia vir'.

"Vidu, majstro, mi pentegas,
Blinda estis mi – stultul'. –
Per la lasta in-kuneco
iĝis mi plej – suferul'.

Do neniam plu min trompu
ŝia rido, ŝia kis';
tre malgrandus la plezuro,
sed gigantus ĉagreniĝ'!

Ha, forflugis ĝoj' – espero, –
do, plenumu, granda Di':
Prenu l' inon for por ĉiam!"
Brama, jen: "Ĉu mokas vi?

Iru hejmen! Viajn plendojn
ne aúdigu plu al mi.
Lernu tion do elteni,
kion havi devas vi."

Triste migras for la viro;
ĝemas li pro granda ve':
"Granda Brama, min nenio
savos do de la pere'.

Kion vi al mi destinis!
La virin' detruos min.
Ne eltenos mi la sorton
kun virin' – aú sen virin'".



# Fervojistoj

Bundesbahn-Sozialwerk • Esperanto-Gruppe Hamburg
Der Beauftragte für den Bezirk Hamburg
Klaus Böhnke, Bahnhof, 2400 Lübeck, Basa 862/374
priv.: Matthäistr. 7, 2400 Lübeck, Tel.: 04 51 / 4 53 26

En Majo la fervojistoj ne renkontiĝas pro la IFEF-Kongreso en Ĉeĥoslovakio. Poste la unua renkontiĝo estos la 8an de Junio 1991, je 10a horo antaŭ la bilet-giĉeto en Hamburg-Altona.



# Meklenburgio-Antaŭpomeranio

## Bovo kaj grifo

Post la fondiĝo de la nova landa ligo de Meklenburgio-Antaŭpomeranio nun ankaŭ la informilo el Schwerin havas novan nomon: *Bovo kaj grifo.* Same kiel la antaŭa nomo *la ora rajdanto* estis el la blazono de Schwerin, *bovo kaj grifo* estas el la blazono de la lando Meklenburgio-Antaŭpomeranio.

## Datoj en Schwerin

| | |
|---|---|
| 06.05.91 | Elektoj de la estraro |
| 27.05.91 | Ludoj kaj konversacio |
| 03.06.91 | Raporto pri GEK |
| 17.06.91 | Eksterlandaj gastoj |

Loko: Domo de Kulturligo, H.-Matern-Str. 2
Tempo: 19.30 h, ĉiun 1-an kaj 3-an lundon.

## Hamburga Esperanto-Junularo

Deutsche Esperanto-Jugend e. V.
Landesverband Hamburg

La junularo renkontiĝas ĉiumonate la unuan kaj trian merkredon je la 19:00 h.

**La venontaj datoj estas:**

15.05.91 ● 05.06.91 ● 19.06.91 ● 03.07.91 ● 17.07.91

Je redaktofino la programo ankoraŭ ne estis konata!

Proponojn por la venonta programo volonte akceptas:
Vorschläge für das neue Programm nimmt entgegen:
**Jürgen Wulff, Bornkamp 12**
**2000 Hamburg 70, Tel. 0 40 / 6 56 06 59**